Unu numero
Cena numeru 25 gr.

# JUNA SAMIDEANO

## MŁODY WSPÓŁIDEOWIEC

Monata. — Miesięcznik.

JARO ROK I. AUGŬSTO SIERPIEŃ 1931. Nr. 1.

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: — REDAKCJA I ADMINISTRACJA:
KRAKÓW, UL. LELEWELA 9. M. 2.



| ABONPREZO EKSTERLANDE: | POŜTKONTO: — KONTO CZEKOWE: | ABONAMENT W POLSCE: |
|---|---|---|
| Jare . . . . . . . . . . 2. sv. fr.<br>½ jare . . . . . . . . . 1. sv. fr. | P. K. O. Kraków, Nr. 412.308.<br>W. Chwałek. | Rocznie . . . . . . . . 2·50 zł.<br>½ rocznie . . . . . . . 1·30 zł. |

| TARIFOJ POR ANONCOJ: | | | | | CENY OGŁOSZEŃ: | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1/1 | 1/2 | 1/4 | 1/8 | 1/16 | 1/1 | 1/2 | 1/4 | 1/8 | 1/16 |
| 15 fr. sv. | 10 fr. sv. | 8 fr. sv. | 5 fr. sv. | 3 fr. sv. | 25·50 zł. | 17 zł. | 13·50 zł. | 8·50 zł. | 5·10 zł. |

### De Redaktejo.

Legigante al Esperantistaro unuan numeron de „Juna Samideano", unuavice ni volas sciigi ĉiujn legantojn pri nia gvidideo, kies resumon ni priskribas malsupre.

Ĉefa nia celo estas propagandi Esperanton inter junularo, helpi al komencantoj ligi rilatojn kun diversnacianoj, kaj doni al ĉiu juna samideano eblecon de elprovo de siaj fortoj en lingvokono en propagandemo kaj en verkado.

Redaktejo invitas ĉiujn esperantistojn al kunlaboro.

Ĉiu alsendu novaĵojn el via lando, urbo aŭ vilaĝo. Ĉiu sendu proponojn kaj konsilojn, alsendu interesajn tradukojn el viaj popolaj legendoj kaj proverboj, naciaj poeziaĵoj kaj noveloj.
Penu mem verki laŭ viaj fortoj kaj se viaj verkoj ne estos perfektaj ne timu tro, ĉar kritiko ne estos por vi tre severa.

Tuj do al verka laboro!
Kaj Vi Samideanoj ĉeestantoj de la XXIII Universala Kongreso de Esperanto, forveturinte ne forgesu pri nia organo „Juna Samideano", ni volas kun Vi havi kontakton eĉ ekster Kongreso, do sendu artikolojn kaj abonu ĝin kaj ni tiam estos pli proksime al „efektiviĝo de la Esperanto".

### Od Redakcji.

Podając do czytania esperantystom pierwszy numer „Młodego Współideowca", w pierwszym rzędzie pragniemy powiadomić wszystkich czytelników o naszej idei przewodniej, której treść podajemy poniżej.
Głównym naszym celem tą propaganda Esperanta między młodzieżą, pomoc początkującym esperantystom w nawiązywaniu stosunków z innemi narodowościami i danie każdemu esperantyście możności wypróbowania swych sił w językoznawstwie, możliwości propagowania i tworzenia.
Redakcja zaprasza wszystkich esperantystów do współpracy.
Każdy więc niech nadsyła aktualności ze swego kraju, miasta lub wioski, każdy niech nadsyła propozycje i wskazówki, niech nadsyła zajmujące tłumaczenia z narodowych legend i przysłów, poezje narodowe i nowele.
Próbuj sam tworzyć, tłumaczyć według swych sił i zdolności, a jeśli twe dzieła nie będą doskonałe, nie obawiaj się, gdyż krytyka dla cię nie będzie zbyt surowa.
Więc dalej do twórczej pracy.
A Wy, Współideowcy, uczestnicy XXIII Wszechświatowego Kongregu Esperantystów, wyjeżdżając nie zapomnijcie o naszej gazetce „Młody Współideowiec", chcemy abyście byli dalej z nami w kontakcie nawet poza Kongresem, więc nadsyłajcie artykuły i abonujcie tąż gazetkę, a wtenczas będziemy bliżej „urzeczywistnienia idei esperanckiej".

### Al XXIII-a Uniwersala Kongreso de Esperanto en Kraków 1—8. VIII. 1931.

Jam 19 jaroj trapasas kiam, Kraków antikva metropolo de Polujo kaj rezidejo de polaj reĝoj, gastadis ĉeestantojn de la Universala Kongreso de Esperanto t. e. en la jaro 1912.

Nunjare duan fojon, Pollando havas honoron akceptadi Samideanojn de Universala Kongreso de Esperanto en la antikvaj muroj de fama Kraków.
Kraków havas ne malgrandan honoron gastigadi partoprenantojn de la Universala Kongreso, alvenintaj preskaŭ de ĉiuj anguloj de la tuta mondo.

### XXIII-mu Wszechświatowemu Kongresowi Esperantystów w Krakowie 1—8. VIII. 1931.

Dziewiętnaście lat już mija od czasu, gdy Kraków, starożytna stolica Polski i siedziba królów polskich, gościła uczestników Wszechświatowego Kongresu Esperantystów, t. j. w roku 1912.
W tym roku Polska ma zaszczyt po raz drugi przyjmować współideowców Wszechświatowego Kongresu Esperantystów w starożytnych murach sławnego Krakowa.
Kraków ma niemały zaszczyt gościć u siebie uczestników W. K. E., przybyłych prawie ze wszystkich zakątków całego świata.

Samideanoj! Pollando salutas Vin surtere kie vivis kaj mortis kreinto de la internacia lingvo!

Salutas Vin urbo Kraków en antikvaj muroj!

Salutas Vin ĉiu samideano!

Vi ĉiuj venis ĉi-tie, por ke priparoladi aferon de Nia Ideo, eĉ de malproksimaj anguloj de l' globo. Vi alvenis ne timante turmenton, kaj longan vojaĝon.

Tamen ne bedaŭru Vian entreprenon festitan por bono de Ideo, kiu havas celon interkomprenigi ĉiujn naciojn, per unu simpla lingvo internacia, kiel Esperanto.

Vere ĉu estas pli bela kaj pli alta ideo, kiu atingas al frateco, al pacifismo, kun signalo „Unu lingvo por ĉiuj, apud naskiĝa.

Współideowcy! Polska wita Was na ziemi, gdzie żył i umarł twórca języka międzynarodowego!

Wita Was miasto Kraków w swych starożytnych murach!

Pozdrawia Was wreszcie każdy współideowiec!

Wy wszyscy przybyliście tu, aby omawiać sprawy naszej idei, nawet z najwięcej oddalonych zakątków globu przybyliście, nie obawiając się zmęczenia i długiej podróży.

Nie żałujcie jednak trudu poniesionego dla dobra idei, która ma na celu porozumienie wszystkich narodów zapomocą jednego prostego języka międzynarodowego, jakim jest esperanto.

Czyż bowiem istnieje piękniejsza i wznioślejsza idea, która dąży do braterstwa, do pacyfizmu z hasłem: „Jeden język dla wszystkich obok rodzimego"?

## Kraków.

La urbo de okazonta XXIII Internacia Kongreso de Esperanto.

Kraków (legu Krakuv) antikva metropolo de Polujo, la urbo konstruita en daŭro de dekkelke da jarcentoj etendas sin sur la ambaŭ bordoj de rivero Wisła (Vistulo) en ĉarma ebenaĵo, ĉirkaŭita de malaltaj montetoj. Ĝia pentrinda situacio, multenombraj kaj grandiosaj vidindaĵoj de netaksebla historia valoro kauzas, ke Kraków estas volonte vizitata de fremdaj turistoj. Sur la loko de iamaj muroj kaj remparoj, kiuj cirkaŭdis la urbon en la mezopoko, kiel ringo, etendiaĝs nun belegaj plantacioj, vera juvelo de Kraków kaj samtempe unikaĵo en Eŭropo.

Kraków oni nomas „Pola Romo" ĉar en ĝi troviĝas ĉirkaŭ 70 preĝejojn kaj kapelojn. Krom tio Kraków posedas plej malaĝan universitaton en Polujo, multe da lernejoj, Akademion de „Belaj Artoj" k. t. p. Krom multaj korporacioj sciencaj, industriaj kaj bonfaraj troviĝas en Kraków: Akademio de Sciencoj, muzika Konservatorio, Societo por Belaj Artoj, Urba Teatro, ĉirkaŭ 10 kinojn k. t. p. Krom tio vidindaj estos: kastelo „Vavel", antikva rezidejo de polaj reĝoj, muzeoj: Czapskich, Czartoryskich, Draphalo, Nacia Muzeo k. t. p. Pro manko da loko, kadroj de nia organo ne permesas priskribi pli vaste.

## Kraków.

Miasto, w którem ma się odbyć XXIII Kongres Esperantystów.

Kraków (czytaj Krakuv) starożytna metropolja Polski, miasto budowane przez długie dziesiątki wieków, rozciąga się na obu brzegach Wisły w uroczej dolinie, otoczonej niskiemi wzgórzami. Jego malownicze położenie, liczne i wspaniałe miejsca godne widzenia, nieoszacowanej wartości historycznej, powodują, że Kraków jest chętnie odwiedzany przez obcych turystów, Na miejscu ówczesnych murów i wałów ochronnych, które opasywały miasto w czasach średnich, niby pierścień, rozciągają się teraz wspaniałe plantacje, prawdziwy skarb Krakowa a równocześnie unikat w Europie.

Kraków nazywają „Rzymem polskim", gdyż znajduje się w nim około 70 kościołów i kaplic. Prócz tego Kraków posiada najstarszy uniwersytet w Polsce, wiele szkół, Akademję Sztuk Pięknych i t. d. Oprócz wielu korporacyj naukowych, przemysłowych i dobroczynnych znajduje się w Krakowie: Akademja Umiejętności, Konserwatorjum Muzyczne, Towarzystwo Sztuk Pięknych, Teatr Miejski, około 10 kin i t. d. Prócz powyższych godne obejrzenia są: zamek „Wawel", starożytna siedziba królów polskich, muzea: Czapskich, Czartoryskich, Sukiennice, Muzeum Narodowe i t. d. Z powodu braku miejsca ramy naszego pisma nie pozwalają nam na obszerniejszy opis.

## Ni lernu Esperanton!

Esperanto estas la internacia, helpa kaj artefarita lingvo, kies aŭtoro estas Dr. L. L. Zamenhof.

La celo de Esperanto ne estas anstataŭi la ekzistantajn idiomojn, sed esti la dua helplingvo por ĉiuj. Ĝia gramatiko konas nek esceptojn nek neregulaĵojn kaj ĝi estas lernebla en unu horo. Ĝia vortaro konsistas el radikoj, jam plej grandparte konataj de ĉiu homo meze instruita.

Esperanto ricevis la aprobon de granda nombro de gravaj filologistoj, literaturistoj kaj multaj el la sciencistaro el ĉiuj partoj de la mondo. Triumfante super ĉiuj ĝin kontraŭstarantaj malhelpoj, ĝi senbrue kaj sen reklamo disvastiĝadis tra la tuta mondo civilizata kaj estas nuntempe multe uzata.

Kial ĝi ne estos ankaŭ uzata de la skoltoj, kies internacia movado logike bezonas internacian ligvon? La scio de unu aŭ du fremdaj lingvoj ne sufiĉas al vi por interrilatiĝi kun la tuta mondo: unu fremda lingvo malfermas al vi nur unu parton de la mondo; Esperanto malfermas al vi la tutan mondon ĉar en ĉiu lando estas esperantistoj kaj baldaŭ skoltoj esperantistaj.

La Skolta Esperantista Ligo (SEL) kiu estas natura kaj logika konsekvenco de la internacia karektero de Skoltismo, ĝi estis starigita, en 1918, por grupigi ĉu individue. ĉu nacie ĉiujn skoltojn, scipovantaj Esperanton.

## Uczmy się esperanta!

Esperanto jest to międzynarodowy język pomocniczy, sztuczny, którego autorem jest polski lekarz dr. L. L. Zamenhof. Celem języka esperanto nie jest wyparcie istniejących języków narodowych, lecz ma on być drugim pomocniczym językiem obok rodzinnego dla wszystkich. Jego gramatyka nie zna wyjątków ani nieregularności i jest tak łatwą, że poznać ją można w jednej godzinie. Słownik tego języka składa się z pierwiastków już najczęściej znanych przez każdego średnio wykształconego człowieka.

Esperanto zyskało uznanie przez wielką liczbę poważnych filologów, literatów i uczonych wszystkich części świata.

Zwyciężając wszelkie przeszkody, bez hałasu i bez reklamy rozszerzyło się na całym świecie kulturalnym i jest obecnie dużo używane.

Dlaczego też język ten nie ma być używanym tylko przez harcerzy, którego międzynarodowy ruch logicznie potrzebuje międzynarodowego języka? Znajomość jednego języka nie wystarcza nam do nawiązania stosunków z całym światem; znajomość jednego języka obcego otwiera nam tylko jedną cząstkę świata, esperanto zaś otwiera Ci cały świat, ponieważ w każdym kraju są esperantyści, a wkrótce i harcerze esperantyści!

W Anglji od roku 1918 istnieje Harcerska Liga Esperancka (S. E. L.), która jest logiczną i naturalną konsekwencją międzynarodowego charakteru harcerstwa, która ma na celu zgrupowanie narodowo czy indywidualnie wszystkich harcerzy znających język esperanto.

H. SIENKIEWICZ

# ESTU BENATA

## HINDA LEGENDO

*(El pola literaturo)*

Kraków 1931

Foje, en hela luna nokto, saĝa kaj granda Kriŝna enpensiĝis profunde kaj diris:

— Mi pensis, ke homo estas la plej bela estaĵo sur la tero — kaj mi eraris. — Jen mi vidas lotusan floron, ŝancelatan de nokta vento. — Kiom pli bela ĝi estas ol ĉiuj vivantaj estaĵoj; ĝiaj folioj ĵus malfermiĝis al arĝentaj lunradioj — kaj okulojn mi ne povas deigi de ĝi...

— Jes, ne ekzistas inter la homoj io simila, li ripetis kun sopiro.

Sed post momento ekpensis:

— Kial mi, dio, ne kreu per potenco de vorto estaĵon, kiu estus inter la homoj tio, kio estas lotuso inter floroj?

— Estu do tiel por ĝojo de l'homoj kaj de l'tero. — Lotuso, ŝanĝiĝu je vivanta knabino kaj ekstaru antaŭ mi!

Ektremetis baldaŭ facile la ondo, kvazaŭ tuŝita de hirunda flugilo, la nokto heliĝis, la luno ekbrilis pli forte, ekkantis pli laŭte najtingaloj — poste subite sileniĝis. — Kaj sorĉo plenumiĝis: antaŭ Kriŝna ekstaris lotuso en homa figuro.

Mem dio ekmiregis.

— Ci estis laga floro, — li diris — de nun estu floro de mia penso — kaj ekparolu!

La knabino komencis flustri tiel mallaŭte, kiel susuras blankaj floketoj de lotuso kisataj de somera bloveto.

— Sinjoro! Vi ŝanĝis min je vivanta estaĵo; kie do nun Vi ordonos al mi loĝi? — Memoru Sinjoro, ke, kiam mi estis floro, mi tremetis kaj fermadis foliojn ĉe ĉiu spiro de vento. Mi timis — Sinjoro pluvegojn kaj tempestojn, mi timis ton-

drojn kaj fulmojn, mi timis eĉ ardantajn radiojn, de l' suno. Vi ordonis al mi esti enkorpiĝo de lotuso, mi do konservis mian antaŭan naturon — kaj nun mi timas sinjoro — la teron kaj ĉion kio sur ĝi troviĝas.... Kie do Vi ordonos al mi loĝi?

Kriŝna levis saĝajn okulojn al steloj, dum momento pensis kaj poste ekdemandis:

— Ĉu ci volas loĝi sur montopintoj?

— Tie estas neĝoj kaj malvarmo, Sinjoro — mi timas.

— Mi do konstruos por ci kristalan palacon sur fundo de l'lago.

— En profundoj traglitas serpentoj kaj aliaj monstroj: Mi timas, Sinjoro!

— Ĉu ci deziras senlimajn stepojn?

— Ho Sinjoro! Ventegoj kaj uraganoj hufpremas la stepojn kvazaŭ sovaĝaj bestaroj.

— Kion do fari kun ci enkorpiĝinta floro?... En Elloraj Kavernoj vivas sanktaj ermitoj... Ĉu ci volas ekloĝi malproksime de l'mondo, en kaverno?

— Tie estas mallume, Sinjoro — mi timas.

— Kriŝna sidiĝis sur ŝtonon kaj manapogis la kapon. La knabino staris antaŭ li tremanta kaj terurita.

Dume la aŭroro komencis lumigi la ĉielon oriente. — Oriĝis akvoj de l'lago, palmoj kaj bambuoj. — Ĥore eksonis ruĝetaj ardeoj, ĉielbluaj gruoj, kaj blankaj cignoj sur akvoj, pavoj en arbaroj, kaj akompane aŭdiĝis la sonoj de kordoj surtiritaj sur perla konko. kaj vortoj de homa kanto.

Kriŝna vekiĝis el la medito kaj diris:

— Poeto Valmiki salutas sunleviĝon.

Post momento disŝoviĝis purpurfloraj kurtenoj — kaj apud la lago aperis Valmiki.

Ekvidinte enkorpiĝintan lotuson li ĉesis ludi. — Per la konko elsoviĝis el liaj manoj kaj falis teren, brakoj mallevigis p r e t e r femuojn kaj li ekstaris muta kvazaŭ granda Kriŝna ŝ a n ĝ i s lin je apudakva arbo.

Kaj dio ekĝojegis pro tiu admiro je lia verko kaj diris:

— Vekiĝu Valmiki kaj ekparolu.

Kaj Valmiki ekparolis:

— .... Mi amas! ....

Tiun solan vorton li nur memoris kaj ĝin solan li povis eleliri.

La vizaĝo de Kriŝna ekradiis subite.

— Ĉarma knabino — mi trovis por ci indan lokon en la mondo: ekloĝu en koro de poeto!

Kaj Valmiki rediris:

....... Mi amas! .........

Volo de potenca Kriŝna, volo de dio komencis puŝi knabinon al koro de poeto.

Tiam Kriŝna faris la koron de Valmiki travidebla kiel kristalo.

Serena kiel somera tago, trankvila kiel Gangesa ondo, eniradis knabino en destinitan por ŝi ejon. — Sed subite, kiam ŝi pli profunde ekrigardis en la koron de Valmiki — ŝia viraĝo paliĝis kaj teruro ŝin ĉirkaŭis kvazaŭ vento malvarma.

Kaj Kriŝna ekmiris.

— Floro enkorpiĝinta — ĉu koron de poeto ci ankaŭ timas?

— Sinjoro, respondis la knabino — kie Vi ordonis al mi loĝi? — Jen en tiu sola koro mi ekvidis neĝajn montopintojn kaj akvajn profundojn plenajn je strangaj estaĵoj, kaj stepojn kun ventegoj kaj tempestoj kaj mallumajn kavernoj Elloraj. Mi do timas ree, ho Sinjoro!

Sed bona kaj saĝa Kriŝna diris:

— Kvietiĝu — floro enkorpiĝinta.

Se en koro de Valmiki kuŝas s o l a j neĝoj, estu varmeta spiro de printempo, kiu ilin degeligos: se estas profundaĵo akva estu perlo en ĝi: se estas malplenaĵo de stepo, semu en ĝi florojn de feliĉo: se estas mallumoj de Elloraj kavernoj estu en ili radio de l'suno.

Kaj Valmiki, kiu dume reakiris parolon, diris:

— Kaj estu benata!

*Tradukis S. Swaryczewski.*

La Skolta Esperantista Ligo estas forte organizita: ĝin gvidas estraro kaj internacia komitato; ĝi havas naciajn komisarojn aŭ agentojn en pli da 30 diversaj landoj; ĝi kalkulas membrojn en ĉiu parto de la mondo.

La celoj de la Skolta Esperantista Ligo estaj jenaj:

1e Disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto.

2e Divastigi Esperanton inter ĉiulandaj skoltoj.

3e Krei skoltan literaturon en Esperanto.

4e Eldoni internacian skoltan gazeton.

5e Solidarigi la senton de frateco, kamunam ĉe la ambaŭ movadoj, inter diversnaciaj junuloj.

La rimedoj uzataj de la Skolta Esperantista Ligo por atingi ĝiajn celojn estas precipe la korespondado inter ĝiaj membroj kaj la organizado de ĉiujaraj tendaroj ĝustasence internaciaj, ĉar en ili estas nur unu frataro, dank'al unu sola lingvo, ĉies propraĵo.

Ĉiu skolto, Esperanton scipovanta, devas aliĝi al la Ligo kaj kunlabori al la realigo de ĝiaj celoj.

Kial ne uzi Esperanton? Kaj kun progresa tutmondc civilizacia ne iri kune?

Esperanto alportas la sole veran solvon de la demando pri diversnacia interkonatiĝo profitdona inter skoltoj de la tuta mondo.

La skolta familio bezonas lingvon por ke ĝiaj membroj interfratiĝu: jen Esperanto!

La skolta uniformo forigas ĉian diferencon de socia klaso; Esperanto forigas ĉian diferencon de raso kaj lingvo.

Ne estas eble al Skoltismo taŭge trafi sian celon sen internacia interkomprenilo. Tial ĉiu skolto devas lerni Esperanton, se li vere deziras esti frato al ĉiu alilanda skolto kaj esti preta servi al granda komuna ideo.

Harcerska Liga Esperancka jest silnie zorganizowana o własnym zarządzie i międzynarodowym: ma ona narodowych przedstawicieli w więcej niż 30 krajach różnych państw i ma swoich członków w każdej części świata.

Harcerska Liga Esperancka ma na celu:

1. Rozszerzyć harcerskie ideały zapomocą języka esperanto.
2. Rozszerzyć esperanto między harcerstwem całego świata.
3. Stworzyć harcerską literaturę w esperancie.
4. Wydawać międzynarodową gazetę harcerską w tymże języku.
5. Wzmocnić uczucie braterskości, wspólne obu ruchom między młodzieżą różnych krajów.

Środkami używanemi przez Harcerską Ligę Esperancką dla uzyskania jej celów jest przeważnie korespondencja prowadzona między członkami tejże Ligi i organizowanie międzynarodowych obozów corocznych, ponieważ w nich tylko jest jedno braterstwo, dzięki jednemu prostemu językowi, jakim jest esperanto.

Każdy harcerz, znający język esperanto, powinien wpisać się do Harcerskiej Ligi Esperanckiej i współpracować dla zrealizowania jej celów.

Dlaczego nie mielibyśmy w ślad za całym cywilizowanym światem posługiwać się językiem esperanckim. — Esperanto przynosi nam prawdziwe rozwiązanie problemu porozumienia się obozów całego świata. Rodzina harcerska potrzebuje języka, aby jej członkowie mogli się zbratać — oto esperanto!

Strój harcerski dzieli wszelkie różnice społeczne; esperanto usuwa każdą różnicę rasy i języka. — Jest rzeczą niemożliwą, aby harcerstwo mogło osiągnąć swój cel bez wspólnego, zrozumiałego wszystkim języka. — Dlatego też każdy harcerz musi nauczyć się języka międzynarodowego „Esperanto", jeśli naprawdę życzy zostać bratem każdego obcokrajowego harcerza i być zdolnym służyć wielkiej wspólnej idei. *E. Mo.*

## Tra la mondo.

BIALYSTOK. Vizitu la urbon, kie naskiĝis kreinto de l'Esperanto. Postkongresa ekskurso. La venontan jaron en bialystoka parko fondita estos monumento de la majstro dr L. L. Zamenhof, dank' al Esperantistaro.

BUDAPEST. Dank'al Hungara Skoltaro nunjare okazis de 14-ĝis 20 de junio granda Internacia Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo.

Multaj landoj estis reprezentataj (detaloj sekvos).

KRAKÓW. Urbo de okazonta XXIII Uniwersala Kongreso de Esperanto 1—8 de aŭgusto.

Antaŭ Kongreso multaj kursoj estis gvidataj, tiamaniere policanoj kun rulandoj „Esperanto" estos preta servi al ĉiu, tramveturiloj pliveligitaj per flagetoj, montros ke ankaŭ tramveturistoj parolas esperante, fervojistoj, kelneroj, skoltoj ankaŭ servos al ĉiu ĉeestanto de la Kongreso. Ankaŭ kursoj gvidataj de pastro Cseh (senpera metodo) malsupra por studento, kaj supra por instruistoj, sukcesis.

PRAHA. Tutmonda Skolta ĵamboreo okazis de 28.VI. — 5.VII.

Multaj eksterlandaj skoltoj ĉeestis.

WARSZAWA. Postkongresa ekskurso. Vizitu tombon de dr. L. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto.

Unu el la stratoj nomiĝas per nomo de l'majstro. Ankaŭ dum postkongreso estos enmurigita memortabulo ĉe unu domo festita al unu el la plej famoj poetaj de Esperanto kaj plej proksimaj amikoj de la kreinto de Esperanto, al A. Grabowski.

## Wiadomości ze świata.

BIAŁYSTOK. Odwiedź miasto, w którem się narodził twórca esperanta. Wycieczka pokongresowa. Na przyszły rok w białostockim parku zostanie ufundowany pomnik Mistrza dr. L. L., Zamenhofa, dzięki staraniom esperantystów.

BUDAPESZT. Dzięki węgierskiemu harcerstwu, w tym roku odbył się w dniach od 14 — 20 lipca wielki „Obóz Międzynarodowy" Harcerskiej Ligi Esperanckiej.

Wiele państw było reprezentowanych (szczegóły podamy).

KRAKÓW. Miasto mającego się odbyć XXIII Wszechświatowego Kongresu Esperantystów w dniach od 1 — 8 siernia. Przed Kongresem liczne kursa były prowadzone, tak, że w ten sposób policjanci z opaskami „Esperanto" będą służyli każdemu; tramwaje przyozdobione chorągiewkami będą wskazywać, iż także tramwajarze mówią językiem esperanckim; kolejarze, kelnerzy, harcerze także gotowi są usłużyć każemu uczestnikówi Kongresu.

Także kursa prowadzone przez księdza Cseh (metodą bezpośrednią) niższy dla studentów, a wyższy dla nauczycieli miały wielkie powodzenie.

PRAGA. Światowy Zlot Harcerski odbył się w dniach od 28. VI. do 5. VII.

Wielu zagranicznych harcerzy uczestniczyło.

WARSZAWA. Wycieczka pokongresowa. Odwiedź grób dr. L. Zamenhofa, twórcy esperanta.

Jedna z ulic jest nazwana imieniem Mistrza. Również po Kongresie zostanie wmurowana tablica pamiątkowa ku czci jednego z najsłynniejszych poetów esperanckich i najbliższych przyjaciół twórcy esperanta — A. Grabowskiego.

## Programo de la Kongreso.

SABATO, 1. VIII.: Malfermo de la Kongreso — Interkonatiĝa Vespero.
DIMANĜO, 2. VIII.: Diservoj — Manifestacio tra la urbo — Komuna fotografado — Ekskurso al Ojców.
LUNDO, 3. VIII.: Kunsidoj — Festivalo.
MARDO, 4. VIII.: Kunsidoj — Ekskursoj al la „Las Wolski", Tyniec, Bielany — Opero — Koncerto.
MERKREDO, 5. VIII.: Kunsidoj — Balo.
ĴAŬDO, 6. VIII. Kunsidoj — Opero — Koncerto.
VENDREDO, 7. VIII.: Kunsidoj — Ekskurso al Wieliczka.
SABATO, 8. VIII.: Fermo de la Kongreso — Libervolaj ekskursoj al Zakopane, Tatry, Pieniny, Warszawa, Bialystok, banlokoj.
DUM LA KONGRESO VIZITADO DE LA URBO.

## Program Kongresu.

SOBOTA, 1. VIII.: Otwarcie Kongresu — Wieczór zapoznawczy.
NIEDZIELA, 2. VIII.: Nabożeństwa — Manifestacja przez miasto — Wspólna fotografja — Wycieczka do Ojcowa.
PONIEDZIAŁEK, 3. VIII.: Posiedzenia — Festival na Wawelu.
WTOREK, 4. VIII.: Posiedzenia — Wycieczka do Lasu Wolskiego — Tyńca — Bielan — Opera — Koncert.
ŚRODA, 5. VIII.: Posiedzenia — Bal.
CZWARTEK, 6. VIII.: Posiedzenia — Opera — Koncert.
PIĄTEK, 7. VIII.: Posiedzenia — Wycieczka do Wieliczki.
SOBOTA, 8. VIII.: Zamknięcie Kongresu — Wolne podróże do Zakopanego, Tatr, Pienin, Warszawy, Białegostoku, miejsc kąpielowych.
PODCZAS KONGRESU ZWIEDZANIE MIASTA.

## La Espero.

(Himno esperantista).

En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko, —
Per flugiloj de vacila vento
Nun de loko flugu ĝi al loko.

Ne al glavo sangon soifanta
Ĝi la homan tiras familion:
Al la mond' eterne militanta
Ĝi promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de l'espero
Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Kaj rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.

Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj;
Sed dissaltos la obstinaj baroj,
Per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Nia diligenta kolegaro
En labora paca ne laciĝos,
Ĝis la bela sonĝo de l'homaro
Por eterna ben' efektiviĝos.

*L. L. Zamenhof.*

## Nadzieja.

(Hymn Esperantystów).

Nowych uczuć trysnęłaś krynico
Idzie światem potężne wołanie...
Niech je wichry na skrzydłach pochwycą,
Niech rozniosą po życiowym łanie.

Głos się rozległ — wzywa ludzkie rzesze —
Nie do mieczy, nie do krwawej burzy...
On nadzieję świętą w sercach krzesze,
Ludziom-wrogom wieczny pokój wróży.

Pod sztandarem tej świętej nadziei
Pokojowi się kupią szermierze —
Szybko rośnie moc drogiej idei
Dzięki pracy i niezłomnej wierze.

Trwałe mury dzieliły narody,
Między niemi stały lat tysiące...
Ale pękną oporne przegrody,
Gdy uderzą w nie serca gorące.

Na osnowie jednej wspólnej mowy
Ludy myślą napełnią się Bożą,
W zrozumieniu i zgodzie świat nowy —
Jedną wielką rodzinę utworzą.

Więc szermierze wytrwają w jedności,
Wielkim trudem się swoim nie zmęczą,
Póki piękne marzenie ludzkości
Nie zabłyśnie nam wieczystą tęczą.

*Tłum. Leo Belmont.*

## Korespondencja.

1. ANGLUJO . . . . . . . . Skolto, Jack Taylor, Broadlans, Meltham-Huddersfield.
2. ANGLUJO . . . . . . . . Skolto, Johro Gardiner — 46. Ogilvie Streit, Belfast, (Irlando).
3. ANGLUJO . . . . . . . . Stanley Dawson, 43, Chapel Street, Berry Brow, Huddersfield.
4. BELGUJO . . . . . . . . Jacques Broussier, en Villers-le Jambon, (pri Skoltismo).
5. BRITISCH GUJANA . . . . Jack J. Gordon, c/o The Royal Bank of Canada, Nev Amsterdam, Barbice kun la tuta mondo.
6. CUBA . . . . . . . . . S-ro Eurique de Pina, Apartado 1195. La Habana.
7. FRANCUJO . . . . . . . Rovero Rogel Sénéchal, 137, avenue Foy, en Amiens, Somme.
8. GERMANUJO . . . . . . . S-ro Karl Becker, Elberdfeld, Westrtr. II.
9. HIŜPANUJO . . . . . . . Eurique Marco Nr. 14. Valencia.
10. HIŜPANUJO . . . . . . . Rotestro Luis Ascensio Gimeo, Veronica, 123-3. o, Zaragoza kun la tuta mondo.
11. HOLANDUJO . . . . . . . Rotestro P. J. v. Gennip. Exercitiestraat 12-a Rotterdam.
12. HUNGARUJO . . . . . . . Paulo Streit, Budapest VI. Szaboles-u. 7. fsz. 1.
13. ITALUJO . . . . . . . . Rotesto Francesco Previtera, Via da — Rosa 33. Catania.
14. JAPANUJO . . . . . . . . S-ro R. Hasegawa, 1546. Nakai, Magame, Tokio.
15. POLUJO . . . . . . . . . Zbigniew Woźniewski, u p. Szyperskich, ul. 20-go Stycznia 28. m. 1. Bydgoszcz.
16. POLUJO . . . . . . . . . A. Szmir, ul. Zelazna 69. Warszawa.
17. POLUJO . . . . . . . . . Heinz Reinhold, ul. Ks. Skorupki 61. Bydgoszcz.

Pro manko da loko, pluaj adresoj aperos en la sekvanta numero.

Z powodu braku miejsca dalszy ciąg adresów w następnym numerze.

Wydawca: Władysław Chwałek. Redaktor: Jan S. Swaryczewski. Redaktor odpowiedzialny: Emil Mayer.
Czcionkami Drukarni Bratniej Pomocy Medyków Uniwersytetu Jagiellońskiego w Krakowie, ul. Grzegórzecka 20. Tel. 162-58.